# INTERNACIA FERVOJISTO

2004.5



*Nova rumana elektra motorvagono*

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

## Gratulojn al niaj IFEF-Honoraj Membroj

Nomumita Honora Membro en jaro 1997, **Lucien De Sutter** festos sian 80 jariĝon la okan de septembro 2004.

Nomumita Honora Membro en jaro 2001, **Ernst Glattli** festos sian 80 jariĝon la unuan de oktobro 2004

**Korajn gratulojn por ilia plurjardeka rezultohava grava laboro.**

**Iom por ridi**

### Sperta Pentristo

En pentraĵa ekspozicio en Parizo, la vizitanto demandis la pentriston, kiu staris apud li:
-Kion prezentas tiun ĉi bildon?
-Bovinojn sur paŝtejo.
-Ho jes! Sed paŝtejon tie mi ne vidas, respondis la vizitanto.
La pentristo tiel klarigis:
-Tiun la bovino jam formanĝis.
-Sed, Majstro, tie mi ne vidas eĉ unu bovinon!
-Mi demandas vin - diris la pentristo - kial restus tie la bovoj, se tie jam ne estas herboj?

## Enhavo



# 57-a IFEF-KONGRESO EN BRAŞOV (RUMANIO)
## (7-14 de majo 2005)

Kongresadreso: 57-a IFEF-kongreso, RO-Braşov O.P1; C.P.71
tel/fakso: +40 268 320 504
Hejmpaĝo: ://http.REFA.home.ro
Retadreso: refa@home.ro
57ifk@brv.cfr.ro
Rodica.todor@pcnet.ro

## BRAŞOV - la urbo-fortikaĵo ĉe la malsuproj de monto Tâmpa

Inter la malmultaj baroj, kiuj disigas la homojn en naciojn, naciecojn kaj popolojn, estas la vortoj. Sed, iam, oni ne bezonas vortojn por realigi ion...Por **INVITO,** suficâs malfermi la dompordon aŭ la pordegon de la fortikaĵo.

La pordoj de Tara Bârsei (la Bârsa Lando) - naturala fortikaĵo - limigita sude de Karpatoj kaj norde kaj okcidente de la rivero Olt, estas ĉiam malfermitaj. De pli ol sep jarcentoj, la koro de tiu mondangulo estis la urbo Braşov. Corona (Korona), Kronstadt, Brasso aŭ Braşov (Braşovo), la urbo-fortikaĵo konata en la historio kiel « la urbo ĉe la malsuproj de Tâmpa », disvolviĝis pere de siaj loĝantoj germanaj, hungaraj kaj rumanaj. Limigita de montaroj, malfacile plietendiĝanta inter Tâmpa (960 m), Dealul Warthe - La Monteto Warthe, Dealul Cetătii - La Monteto de la Fortikaĵo kaj Dealul Melcilor - La Helikmonteto, tiu teritorio estis lulilo de praa civilizacio.

La fruan epokon de la bronzo atestas la loĝlokoj de la kulturo Schnekenberg (ĉirkaŭ 1700 antaŭ nia erao), malkovritaj sur la monteto, kiu pruntedonis sian nomon al la cetera kulturo (Schnekenberg rumanlingve signifas La Helikmonteton).

Pro favora geografia situo kaj pro la komunuma fruorganizado, en Braşov ekfloris la metioj kaj la komerco. Jam dum la XV-a jarcento, la braŝovaj meti-istoj famis pro la prilaborado de oro, arĝento kaj aliaj metaloj, iliaj produktaĵoj estis bone taksitaj en tuta Eŭropo. Ĝuste ĉe la malsuproj de Tâmpa troviĝas la defendbastionoj de la gildoj de peltistoj, drapproduktistoj, ŝnurfaristoj kaj teksistoj, la lasta inter ili, la Bastiono de la Teksistoj, estas la plej bone konservita.

La historian urbocentron dominas la Konsilia Domo, kiu pruntedonis sian nomon al la placo, kie ĝi troviĝas. Oni atestis la konstruaĵon en la jaro 1420. Post la granda fajro de 1689, oni grave modifis ĝin, precipe inter 1770 -1774, kiam oni aldonis barokstilajn arkitekturelementojn. Hodiaŭ, la konstruaĵo gastigas sekcion de la Distrikta Historia Muzeo.

Apude, oni povas vidi la imponan konturon de la Migra Preĝejo, unu el la plej interesaj konstruaĵoj en gotika arkitekturstilo en nia lando, kun impresaj dimensioj. La konstruado komenciĝis sur la sama loko de romiana baziliko en 1385 kaj finiĝis post cent jaroj. La incendio de 1689 multe



Bastiono de la teksistoj

damaĝis la preĝejon (de tie venas ĝia nomo). Kiel historia monumento, la Nigra Preĝejo impresas, interne, pro valoraj kolektoj da orientaj tapiŝoj de la XVI-a kaj XVII-a jarcentoj kaj pro grandioza orgeno, kun 4 000 tuboj; ekstere, ĝi impresas pro la beleco de la arkitektura ĉirkaŭornamo, portaloj kaj statuetoj troviĝantaj sur ĝiaj muroj.

De tiu urboparto, oni pasas al la kvartalo (komence situinta ekster la urbo)-Şcheii Braşovului (Ŝkei de Braşovo) - tra Poarta Ecaterina (La Pordo Ekaterina), konstruita en 1559, kiu ankoraŭ gardas la blazonon de la urbo.

La kvartalo Şchei (Ŝkei) gravitis, ek de sia komenciĝo (la XII-a jarcento), ĉirkaŭ la preĝejo Sfântu Nicolae (Sankta Nikolao) kaj la lernejo situanta en Piata Prundului. Krom tiu preĝejo, oni atestis, en 1495, la plej malnovan Rumanan Lernejon (kvankam la komenciĝojn de la rumanlingva studado oni povas serĉi antaŭ 1399, kiam la Papo Bonifaco eldonis papan buleon malpermesantan tion). Ĉi tie troviĝas nun la Muzeo kaj la Arkivoj de la Preĝejo Sfântu Nicolae, kun valoraj manuskriptoj, artaĵoj, kolekto da ikonoj kaj, precipe, la presmaŝino de Diaconu Coresi (Diakonu Koresi) la plej grava rumana presisto de la XVI-a jarcento, kiu presadis, en Braşov, 33 titolojn de libroj.

En la korto de tiu preĝejo troviĝas la tombo de granda politikisto, ministro de la Aferoj Eksteraj inter la du mondmilitoj, kaj unu el la fondintoj de UN - Nicolae Titulescu (1882-1941).

Al la kultura heredaĵo de Braşov ankaŭ kontribuis valoraj rumanaj personoj, sed la urbo Braşov bone reprezentas la multkulturaj tradicioj, daŭrigataj per la lernejoj, kie oni instruas en la rumana lingvo (la liceoj Andrei Şaguna kaj Meşotă), en la hungara (la liceo Aprily Lajos) kaj en la germana (la liceo Honterus). Pluraj ĵurnaloj aperas: Gazeta de Transilvania (rumanlingve), Karpaten Rundschau (germanlingve) kaj Brassoi Lapok (hungarlingve).

La religiaj komunumoj povas partopreni la preĝojn de la Ortodoksa Katedralo, de la Katolika, Evangelia kaj Greka Preĝejoj, de la Sinagogo.



Sinagogo en Braşov

En la Universitato Transilvanio instruas pli ol 1 000 profesoroj kaj studas pli ol 12 000 rumanaj kaj eksterlandaj gestudentoj jare.

La DramaTeatro kaj la Muzika-Teatro havas internacian repertuaron, interpretitan de grandvaloraj artistoj, la Filharmonejo de Braşov alkutimigis nin al altnivelaj invititoj, en- kaj eksterlandaj kaj la Pupteatro sorĉas la etulojn per specifa repertuaro.

La Internacia Muzikfestivalo «La Ora Cervo», allogas al Braşov, dekojn da interpretoj de la tuta mondo kaj milojn da muzikamantoj.

La Arta Muzeo enhavas riĉan kolekton de pentraĵoj, kiujn indas admiri, kaj la Etnografia Muzeo dorlotas la okulojn de la vizitantoj per la beleco de la rumanaj, hungaraj kaj germanaj popolvestaĵoj de Tara Bârsei.

La pasinteco kaj la estonteco harmonie kunplektiĝas per la konstruado de nova urbocentro, moderna, kie la stal- kaj vitr-vertikalaj komercaj bankoj pikas la ĉielon.

Ni ne forgesu, ke la regiono de Braşov reprezentas unu el la plej grandaj turismaj allogoj de Rumanio. La verda kaj pitoreska eksplodo de la ĉirkaŭantaj montaroj, la turistaj itineroj por ĉiuj gustoj: ekde facila promenado tra arbaro ĝis grimpado sur la deklivoj de la montoj, la skiado kaj glitado dum la vintro, la vilaĝa turismo pli kaj pli disvolviĝanta, estas nur kelkaj eblecoj pasigi neforgeseblan restadon.

La oferto estas tre varia de la pejzaĝa vidpunkto al la servoj de la kvar, tri aŭ dustelaj hoteloj, de la pensionoj kaj restoracioj. La frandemuloj povas delektiĝi en la braşovaj restoracioj per la plej bongustaj menuoj de la rumana kuirarto, kiuj gajnis ĉies aprezon. Ne ignoru la etajn trinkejojn! Vi havos grandajn surprizojn! La arkitekturo de la malnova urbo ebligis la utiligadon de nekonvenciaj spacoj kaj tio, kio ŝajnas eta restoracio kun tri-kvar tabloj, povas esti larĝa spaco, se oni konsideras la subteretaĝojn, vintrinkejojn aŭ subtegmentojn, kiujn oni povas atingi per serpentoforma ŝtuparo.

**Nia konsilo estas, do, akceptu nian INVITON.** Ni garantias, ke neniu tago pasigita en Rumanio estos teda. Kaj io ankoraŭ! Ne forgesu la fotilon aŭ la kameraon, ĉar estus domaĝe ne senmortigi la belegajn momentojn, kiujn vi spertos ĉi tie.

*************

***Jen la parolado farita de s-ro Georges Wallerand ĝenerala sekretario de FISAIC dum la solena inaŭguro de la lasta IFEF-kongreso en Sopron.***

Estimataj samideanoj
Karaj geamikoj
Estimataj gesinjoroj,

Mi estas tre honorigita reprezenti FISAIC–n hodiaŭ ĉe kunveno, kiu estas tre kara al mi; temas pri la kunveno de la esperantistaj fervoj-istoj. Estas ĉiam kun la sama ĝojo, kun tiu fido, ĉiam pli vigla en la estonteco de frata homareco, ke mi partoprenas en la laboroj de via kongreso. Tiu sento pli-fortiĝis per la eniro, pasintsemajne, de dek novaj landoj en la eŭropan komunumon.



Tiu antaŭaĵo nur povas ĝojigi ĉiujn , kiuj same kiel vi, havas emon al paco kaj al libereco. Bonvenon al tiuj novaj membroj en ilia nova familio, kiu, mi ege deziras tion, ankoraŭ pligrandiĝos, kiam la kondiĉoj estos favoraj.

La fervojistoj ne atendis tiun politikan eventon por krei, en 1952, FISAIC-n kiu helpis ilin por teksi tre fortajn amikajn ligojn inter ili, trans la landlimoj. La esperantistoj ludis tre gravan rolon pri tiuj pli proksimiĝoj, precipe dank'al tiu nekomparebla ilo de komunikado, kiun konstituas la universala lingvo. Tiuokaze, mi omaĝas al niaj ĉinaj kolegoj, kiuj, malgraŭ ĉiuspecaj de malfacilaĵoj proksimiĝas al ni. La eniro de Ĉinio ĉe FISAIC estus grava antaŭaĵo por nia movado kaj mi ne dubas, ke tiu evento tre baldaŭ okazos. Estas moralordono donita al niaj direktantoj, kiuj devus inspiriĝi per tiu klopodo. Ve !, la mono-leĝo, la leĝo de la pli riĉulo ne embarasiĝas pri la aspiro de la popoloj al fratiĝi, al unuigi siajn fortojn kaj siajn kulturojn por venki la nescion kaj la kruelecon.

Komuna mono ekzistas en nia komunaĵo por akceli la komercajn interŝanĝojn sed la barilo de la linvoj estas la sama kiel ĝi estis de ĉiam. Nenio estis farita por antaŭeniri en tiu sfero krom la perforta eniro de hegemonia lingvo, simbolo de la potenco kaj de la aroganteco de la amerika administrado. En nia lando ĝi estas devigita de iaj institucioj, iaj grupoj de gazetaro kaj de propagando, iaj entreprenoj ...ĝis rekte interveni sur la kampo de la naciaj lingvoj. Do, krom sia agado, la esperanta movado devas interveni por ke, en ĉiu nacio, la integraleco kaj la riĉeco de la patrinaj lingvoj, de la civitanaj lingvoj, estu defenditaj kun la plej granda energio kontraŭ ĉiu interna aŭ ekstera atako.

En tiu jaro 2004, kiu antaŭas la centan datrevenon de la unua universala kongreso de la esperantistoj, la mesaĝo de Doktoro Zamenhof prenas apartan dimension. Ĝi devas vigligi niajn energiojn por atingi tiun idealon de paco, kiu faras la grandecon kaj la forton de nia movado. Ununura mondo, ununura lando, la lando de la homaro, unu lando profunde homa kaj frata, riĉa je popolaj tradicioj kaj kulturoj, al ni devoj ĝin konstrui.

Konklude, en la nomo de FISAIC, mi vigle dankas al la hungara kaj la aŭstria Unioj, kiuj kunigis siajn fortojn por ke tiu kongreso estu sukcesa. Multajn dankojn kaj gratulojn mi deziras al LKK-anoj kaj aliaj organizantoj.

Vivu esperanto!

## RESUMA JARRAPORTO DE LA LANDAJ ASOCIOJ DE IFEF PRI LA JARO 2003.

Laŭ la dissendita demandilo, la landaj asocioj preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2003. La resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar ne alvenis raporto el Estonio, Pollando, Serbio-Montenegro, Slovakio kaj Svedio. Inter ili Estonio, Pollando kaj Svedio jam de pluraj jaroj ne sendis raporton kaj ne pagis jarkotizon, pro tio - laŭ mia opinio - ĉesis tiuj landaj asocioj. Do mi ne kalkulas pri tiuj. Serbio-Montenegro kaj Slovakio en la antaŭaj jaroj sendis jarraportojn, kaj laŭ tiuj mi kalkulas en la nuna jarraporto.



*Inĝ Istvan Gulyas*

En la jarfino 2003 ekzistis la jenaj landaj asocioj en la kadro de IFEF: Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Italio, Hispanio, Hungario, Japanio, Norvegio, Rumanio, Serbio-Montenegro, Slovakio, Slovenio kaj Svisio, do entute 19 landoj.

**1. La landaj asocioj**

La landaj asocioj raportis pri 2 630 asociaj membroj, kiu nombre estas kun 280 malpli ol en la antaŭa jaro, kaj kun pli ol 500 malpli ol en la jaro 2001.

Laŭ la raportoj, IFEF nombras - kune kun individuaj membroj - 850 membrojn. Denove se mi ekzamenas la ciferojn, mi povas konstati, ke la membro-nombro de IFEF jaron post jaro malkreskas. En la fino de la naŭdekaj jaroj IFEF havis pli ol 1 200 membrojn, kaj en la jaro 2000 nur 1 067, en 2001: 992, en 2002: 907, kaj en la fino de la nuna jaro nur 850 membrojn. Tio estas la trista realaĵo.

La raportoj el la plena asocia membraro indikas pli ol 60 % da emeritoj. El la tuta membraro, 320 membroj estas nefervojistoj.

Mi konstatas, ke la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj daŭre malkreskas, ĉesas landaj asocioj kaj maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado. Kelkajn esperigajn signojn ni povas vidi, ĉar ekzemple en Ĉinio inter 250 membroj nur 30 %, en Hungario inter 481 membroj 21 % kaj en Rumanio inter 282 membroj 20 % estas emeritoj. Bedaŭrinde en Hispanio kaj Japanio preskaŭ 100 %, en Germanio kaj Aŭstrio 90 %. estas la proporcio de la emeritoj.

La nombro de la memstaraj grupoj estas 92.

**2. Taskoj de landaj asocioj kaj ties lokaj societoj**

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj agadis laŭ la akceptita laborplano. Bedaŭrinde malpliiĝis la ebleco por plibonigi la instruadon kaj lernadon de Esperanto, ĉar en kelkaj landoj mankas kapablaj instruistoj eĉ lernolibroj, kaj pro la privatigo de fervojoj, la uzopreno de fervojaj ejoj por lingvo-instruado jam estas monafero.

Dekunu landaj asocioj konservis sian historian materialon, kontinue kompletigis ĝin, eĉ transdonis al la Esperanto-muzeoj aŭ bibliotekoj. Multaj landoj raportis pri la konservado de kultura heredaĵo. Multaj landaj asocioj instigis la membrojn de la asocio por eluzi la eblecon konatiĝi kaj korespondi kun fervojistaj esperantistoj de aliaj landoj helpe de la Fervoja Koresponda Servo.

Nur kelkaj landaj asocioj raportis pri la plifortigo de la membrara bazo, Pluraj plendis pri la manko de la bezonataj aktivaj kunlaborantoj, same pri la maljuniĝo de la membraro, kaj pri la manko de gejunuloj.

Dekunu landaj asocioj aperigis informojn pri Esperanto kaj IFEF en la Ĵurnalo de la fervojoj. Kelkaj landaj asocioj helpis traduki la FISAIC-materialojn al Esperanto, respektive al nacia lingvo. Tamen pluraj landaj asocioj spertis, ke la angla lingvo estiĝas la tria laborlingvo de FISAIC.

**3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj**

Dek landaj asocioj raportis pri bonaj inter-

rilatoj kun la fervojoj. Belgio, Kroatio, Norvegio kaj Svisio ricevis financan subvencion, Germanio por la 55-a IFK ricevis ĝin. La bulgara, ĉeĥa, dana, hispana, hungara, kroata kaj rumana landaj asocioj senpage ricevis specialan ejon de fervojo por kunvenoj, kursoj, eĉ kelkaj landaj asocioj ricevis fervojan bileton por oficiale veturi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj.

Estas malbona afero, ke la klariga teksto en lingvo Esperanto malaperis el ĉiu landa oficiala fervoja horarlibro.

Ses landaj asocioj kontaktis kun sindikatoj, eĉ Ĉinio, Germanio kaj Svisio ricevis pli malpli apogon de ili.

Hispanio kaj Slovenio ne havas kontakton kun la landa organizo de FISAIC, eĉ en Ĉinio kaj Japanio ne ekzistas landa FISAIC-organizo, La Ĉinaj Fervojoj klopodas interrilati kun FISAIC, por ke la ĉinaj fervojistaj esperantistoj rajtu organizi IFEF-Kongreson en jaro 2006. Naŭ landaj asocioj ricevis financan subvencion de la landa sekcio de FISAIC. Ses landaj asocioj raportis pri ofico ĉe FISAIC.

Dekdu landaj asocioj havas aktivajn kontaktojn kun artaj, sportaj, kulturaj, religiaj kaj libertempaj organizoj. Aŭstrio raportis pri bona kontakto kun la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, Ĉeĥio kun IKUE, Danio kun DEA, Hungario kun Pacmovado kaj medicinistoj, Kroatio kun SAT, Rumanio kun ĵurnalistoj, Slovenio kun Publika Fonduso kaj Asocio. Francio, Ĉinio, Italio, Hispanio havas kontaktojn kun multaj nefervojistaj organizaĵoj .

**4. Organizado de jarkunvenoj**

Nur en Aŭstrio kaj Italio ne okazis jarkunsido en la jaro 2003. Dum la jarkunsidoj entute preskaŭ 500 esperantistoj partoprenis kaj ses landaj asocioj raportis pri eksterlandaj gastoj (35 personoj). Dum la jarkunsidoj okazis fakprelegoj, ekskursoj kaj distraj programoj. La jarkunsidoj bone servas la varbadon, ĉar ankaŭ multaj neesperantistoj partoprenis ĝin.

En la jaro 2004 ĉiuj landaj asocioj planas organizi jarkunvenon. Mi denove povas konstati, ke la membroj de la landaj asocioj deziras la komunajn programojn, la kuneston kaj la Esperanto-etoson.

**5. Interrilatoj kun Esperanto-organizoj**

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havas bonan rilaton kun sialanda asocio de UEA. Kelkaj landoj raportis pri la interrilatoj kun SAT, kaj dekkvar landaj asocioj kun ceteraj Esperanto-organizoj.

Dekdu landaj asocioj raportis pri landaj fakdelegitoj ĉe UEA, ĝia nombro estas 54.

**6. Informado en la plej vasta senco**

Ĉiuj landaj asocioj informis pri siaj laboro, rezultoj, eventoj en propra medio. Multaj landoj funkciigis murgazetojn en siaj stacidomoj, aperigis artikolojn en regionaj kaj fervojaj revuoj, bultenoj. Nur kvar landaj asocioj raportis pri la aranĝo de ekspozicioj, inter ili Francio aranĝis 8, kiujn plurmiloj da interesuloj vizitis.

Ankaŭ multaj landoj instigis artikolojn en diversaj gazetoj.

Sep landaj asocioj raportis pri faritaj fakprelegoj. Tiuj prelegoj aperis en la fakaj revuoj, oni prelegis en diversaj klubkunvenoj.

**7. Varbado**

En kelkaj landoj, oni sukcesis varbi kelkajn novajn membrojn - inter ili en Hungario 21 -sed tio ne egaligas la perditajn membrojn.

Dekdu landaj asocioj aranĝis entute 30 lingvokursojn kun 380 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis en Hungario (113), Rumanio (57) kaj Francio (47).

En la pasinta jaro, sep landaj asocioj aranĝis internacian fervojistan Esperanto-renkontiĝon. Tiu indiko estas grava afero por trovi adeptojn por la Esperanto-movado.

**8 Junulara agado**

En la kadro de la landaj asocioj troviĝas entute 264 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝoj). Bulgario 2, Ĉeĥio 3, Ĉinio 190, Italio 1, Hungario 50, Japanio 1, Rumanio 14 kaj en Slovenio 3 gejunuloj apartenas al la membroj de la landaj asocioj. Mi esperas,

ke en Ĉinio, kie troviĝas la plej granda nombro de gejunuloj, junularo profitos de la 58-a IFEF-Kongreso okazonta - laŭ nia plano - en Ĉinio, kaj tiu nombro da gejunuloj altiĝos.
Memstara junulgrupo ne ekzistas.
Pluraj landaj asocioj provis kaj konstante agadas por akiri junajn membrojn, sed la rezulto estas sensignifa.

**9. Landaj organoj**

Dektri landaj asocioj eldonis propran organon. La organoj aperas ĝenerale kvarfoje jare, sed en Ĉinio, Danio kaj Hispanio sesfoje, Francio 10-foje. La nombro de la jaraj paĝoj entute estis 780.
Multaj landaj asocioj raportis pri la speco por aperigi Esperanto-artikolojn en aliaj, ĉefe fervojaj organoj.

**10. Faka agado**

Dek landaj asocioj prelegis pri terminara aktiveco. La evoluigo de la datumbanko Rail-Lexic fare de UIC stagnas. Nur la Hungaraj Ŝtatfervojoj laboras interrompe en tiu tereno, kaj kolektas novajn esprimojn, aperigas libroformajn terminarojn en pluraj lingvoj jam kun tiuj novaj esprimoj, kiujn ili ricevis de UIC. Ekzemple en la pasinta jaro Hungaraj Ŝtatfervojoj pretigis seslingvan (danan - svedan - anglan - germanan - francan - esperantan) Fervojan Terminaron por DEFA.
En la kadro de la terminara agado de IFEF okazis la traduko de la difin-tekstoj. Grandan parton de la restantaj, ĉirkaŭ 1800 difinoj, flue devas plenumi germanlingvanoj.
La terminara tasko momente ne bezonas streĉan laboron, kaj mi proponas daŭrigi la laboron en la sekvaj temoj:

- traduki la difin-tekstojn de la esprimoj,
- serĉi novajn esprimojn,
- ekzameni la jam pretigitajn esprimojn laŭ la difinoj, kaj kune kun la respondo de la landa fervojo korekti au modifi ilin, se estas bezonate.

Dekdu landaj asocioj raportis pri fake aplika aktiveco ĉefe pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj.

**11. Ekonomio**

La ekonomia situacio ĝenerale similas al la antaŭa jaro. En Ĉeĥio, Danio, Francio, Germanio, Hungario, Japanio, Rumanio kaj Svisio la financa stato estis stabila kaj ekvilibra. Aliaj landaj asocioj plendas pro la altigitaj afrankoj. La membroj pagantaj la membrokotizojn malpliiĝis. Oni devis pagi por la uzado de la fervojaj ejoj, ili ne ricevis financan subtenon, do malboniĝis la ekonomia situacio. Pro tio kelkaj landoj planas plialtigi la kotizon, redukti la kunvenojn, ŝpari la monon.

**12. Fina komentario**

La landaj asocioj akre formulis la ĝeneralan situacion de la fervojista Esperanto movado. La plej grava problemo estis kaj estas la maljuniĝo de la membraro de la asocioj kaj la manko da gejunuloj. Pro tio neniu, volas transpreni la gvidan taskon en la asocio. Legante la jarraportojn ĉagrene mi konstatis, ke ĉe kelkaj landaj asocioj okupiĝas pri tiu penso, ke ili ĉesigos la asocion. Eĉ jam estas fakto, ke la Svisa Fervojista Esperanto Asocio funkcios nur ĝis la fino de la jaro 2004 kaj poste ĉesos.
Kion mi povas diri, kion ni povas fari?
Ankaŭ estas gravaj problemoj, ke flue malkreskas la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj, kaj la membro-nombro de IFEF. La tendenco estas preferi la anglan lingvon eĉ ankaŭ en la kadro de FISAIC. Tio estas grava temo ĉefe nun, kiam la nombro de la landoj de la Eŭropa Unio jam estas 25.
Do, la estonto ne estas rozkolora. Estus necese pli bona kunlaboro inter la lokaj Esperanto-grupoj, kaj kun esperantistoj de aliaj trafikbranĉoj. Ni devus kun komuna fortostreĉo agadi kaj konvinki niajn kunlaborantojn, niajn familianojn pri la utileco de Esperanto.
Malgraŭ la problemoj kaj negativaj situacioj IFEF ankoraŭ vivas, flue laboras, kaj laŭeble aktive agadas sur la fakaj terenoj por Esperanto.

Budapest, la 3-an de majo
István Gulyás

## LA KVINA RAPID-PLIGRANDIGO DE ĈINAJ FERVOJOJ

Ekde la 18-a de aprilo 2004 ĉinaj fervojoj realigis la kvinan rapid-pligrandigon kaj novan trajnan vetur-horaron. Post la kvina plirapidigo la hora rapideco de trajnoj superis 200 kilometrojn.

Lastempe, la dekkvina jara plano realigis la plirapidigon de ĉinaj fervojoj sur 28 linioj rilate la longon de 20 000 km-oj en Ĉinio. Pro tio, formiĝas la kompleta reto de rapida pasaĝer-transporto en Ĉinio. La rapideco de pasaĝer-vagonaroj superas 160 kilometrojn. En la venonta jaro realiĝos la refoja plirapidigo de trajnoj. La hor-rapido de la parto de la ĉefaj linioj atingos 200 km-ojn. La konstruota fervojlinio Beijing al Shanghai plirapidiĝos je 300 al 350 km/h-oj. Samtempe, la fervoja entrepreno nove funkciigis 19 parojn da rektaj ekspresaj pasaĝeraj vagonaroj kun la vetur-rapido de 160 km-oj senhalte, uzante la plej avangardajn vagonojn kun tipoj de Panbadi kaj 25T. La senhaltaj rektaj ekspresaj pasaĝer-vagonaroj veturas inter la pasaĝer- grandfluaj 13 urboj, t.n. Beijing al Shanghai, Hangzhou, yàngzhou, Nanjing, Suzhou, Hefei, Wuhan, Changsha, Harbin, Changchun, Xijan, Tianjin, Shanghai, kiel la startaj kaj finaj stacioj. Inter ili funkcias 11 paroj da trajnoj kun tutaj kusenseĝaj litoj.

La var-vagonaroj rilative pligrandigas la rapidecon.

*Han Zuwu*

## KRONIKO PRI RAPID-PLIGRANDIGO DE ĈINAJ FERVOJOJ

1. La 1-an de aprilo 1997, realiĝis unuafoje la grand-area rapidpligrandigo de ĉinaj fervojoj. La rapido atingis 140 km-ojn sur la tri ĉefaj linioj Beijing, Shanghai, Beijing, Guangzhou, Beijing, Harbin.

2. La 1-an de oktobro 1998, realiĝis duafoje la grand-area rapidpligrandigo de ĉinaj fervojoj. Funkciis la trajnoj kun la plej granda hor-rapido de 140 /160 km-oj. Sur la linio Guangzhou al Shenzhen veturas la pendoltipaj trajnoj kun la hora rapido de 200 km. La meza rapido de pasaĝeraj trajnoj en la tuta lando estis 55.16 km/h.

3. La 21-an de oktobro 2000, realiĝis triafoje la grand-area rapidpligrandigo de ĉinaj fervojoj. La ĉefaj linioj estas Longhai, Lanxin, Jingjiu kaj Zhegan de la Azia Europa Kontinenta Ponto. Establiĝis la sistemo de bilet-vendo per reto en la tuta lando. Oni povas vendi biletojn en pli ol 400 fervojstacioj aliloke.

4. La 21-an de novembro 2001, realiĝis kvarafoje la grand-area rapidpligrandigo de ĉinaj fervojoj. Kaj estis uzita la nova veturdaŭra tabelo de vagonaroj sur la linioj Jingjiu, Zhegan, Sudparto de Jingguang, Huhang, Hada kaj inter la urboj Wuchang ¨al Chengdu.

5. La 18-an de aprilo 2004, realiĝis kvinafoje la grand-area rapidpligrandigo de ĉinaj fervojoj.

*Han Zuwu, vicprezidanto de*
*Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio*

## Reprivatigo de la fervojo BELGRANO CARGAS (Argentinio)

La registaro de Kirchner preparas la reprivatigon de la Fervojo Belgrano Cargas por la 3a de junio 2004.

Ripetiĝos la historio de la fervojoj de la 90aj jaroj en la kulmino de la etapo MENEM, kiam oni diskutis la deficitojn de la fervojoj kaj la neceson lasi ilin en privataj manoj.

Kvankam oni povis vidi la perdon en la servoj de privataj fervojoj, anstataŭ rekonstrui ilin kaj transpreni tiujn en la ekonomion de la ŝtato, kie ili estus sub kontrolo de ŝtataj laboristoj, oni akcentas la damaĝon lasante la samajn entreprenojn en privataj manoj.

La ŝarĝofervojoj estas tre gravaj por la nacia ekonomio, ĉar la kostoj de per ili transportitaj varoj povas esti malataj pro la favoraj prezoj de vartransporto, kio ne okazos, kiam la varoj estas transportataj pere de kamionoj kaj la mezgrandaj kaj malgrandaj entreprenistoj estas kadenitaj en la diktoj de la prezoj por transporto, kiujn fiksas la koncesiitoj de kamionistaj transportentreprenoj.

Aliflanke necesas klarigi la rolon, kiun ludis la Nacia Fervoja Unio rilate la privatigon de fervojoj garantiante kaj transprenante la Fervojon Belgrano Cargas sub la stranga kazo de sindikata labordonanto kio kondukis la entreprenon denove al la mano de la entrepreno Pedraza kaj Cia kun nova porcentaĵo de akcioj.

Ne helpas, ke en la mano de la ŝtato restas akcioj de oro, ĉar tion ni jam spertis kiel ĝi finiĝas.

La Ĝenerala Sekretario de la Sekcia Fervoja Unio Haedo Rubén Sobrero diris rilate la reprivatigon de Belgrano Cargas: Estas nekredeble, ke ni ripetas la historion; spite la promesojn de la registaro kaj Pedraza ni ĉiuj scias ke la fervojo perdos laboristojn, ĉar kiel lasta instanco la koncesiitoj nur rigardas sian propran poŝon kaj la financan subtenon, kiun ili atendas de la ŝtato kaj ne respektas la ekonomiajn necesojn de la lando kaj la interesojn de la fervojistaj laboristoj.

En la intereso de la fervojistoj kaj la klientoj la fervojo devas resti sub ŝtata kontrolo.

*Eltrovita en retpaĝo de argenpress*

*Ernesto Quietensky*

### Atentu pri aliĝilo de la 46-a internacia skisemajno en La Molina

En la aliĝiloj disdonitaj en Sopron kaj ankaŭ en la informoj aperintaj en la lasta IF, mankas internacian bankkonton.

***De eksterlande sendu:***

Al Associació Catalana de Ferroviaris Esperantistes / LA CAIXA
IBAN ES51 2100 1353 9602 0005 7220
BIC/CODIGO SWIFT CAIXESBBXXX

***En lande sendu:***

Al Associació Catalana de Ferroviaris Esperantistes / LA CAIXA
CCC 2100 1353 96-0200057220

*Por peti aliĝilojn aŭ klarigojn, bonvolu sendi leterojn al:*

Hispana Esperanta Fervojista Asocio
Apartat de Correus 15027
08080 BARCELONA
KATALONIO HISPANIO

**Rimarko:**

En la aliĝiloj, bonvolu informi pri via elekto :.
- duonpensiono aŭ kompleta pensiono,
- dulita ĉambro aŭ individua ĉambro.

***Ĉi-sube vi trovos verkaĵon adresitan de Romano Bolognesi kaj de Vito Tornillo al la italaj fervojistoj, rilate la disvolviĝon de esperanto ĉe la itala fervoja medio.***
***Ĉar la IF-redaktoro opinias, ke tiu alvoko ankaŭ validas tutnacie kaj plie internacie, jen tiu alvoko iomete adaptita al la cirkonstanco. Mi petas pardonon de la aŭtoroj.***

Tre estimataj,

Ni volonte sendas al vi nian revueton "ITALA FERVOJISTO - Informa Bulteno", en pdf-versio. Ĝi aperas du - tri fojojn en la jaro.




La verko estas tute modesta, senpretenda, tamen eble de tempo al tempo vi trovos iujn novaĵojn, kuriozaĵojn rilate la fervojan mondon. Ĝia enhavo estas libere utiligebla de la Redakcioj kaj de ĉiuj, nur eble menciante la fonton.

Ankaŭ nia Asocio estas modesta, sed ĝi estas ero de tutmonde organizita Federacio, kun granda tradicio en la organizado de kongresoj, kompilado de terminaroj kaj diskonigado de fakaj verkoj, kaj, precipe, tre malfermita al ĉiuj simpatiantoj kaj subtenantoj, kiuj partoprenas kaj agas inter ni profite kaj senprobleme (fakte oni ne forgesu ke ni ĉiuj estas pli malpli vojaĝantoj, fervojuzantoj),

Kiuj jam aliĝis aŭ aliĝas al nia Asocio estas petataj pli firme kaj konstante resti inter niaj vicoj, kaj kiuj ankoraŭ ne faris tion estas varme invitataj subteni nian agadon, tiel montrante aprezadon por nia daŭra laboro.

Veras, ke dum tiu-ĉi lasta periodo ekzistas malfacilaĵoj por plukresko kaj en trovo de rimedoj. Ĉia ajn konsilo kaj helpo estos bonvena, sed ĉefe aliĝoj kaj subtenoj.

Se vi konas homojn deĵorantajn ĉe fervojorganizoj aŭ ĉe alitipaj transport-sistemoj, kiuj iel interesiĝas pri Esperanto kaj transportoj, komunikadoj, bonvolu instigi ilin kontakti iujn el niaj landaj asocioj aŭ la Internacian Federacion.

Ni kore dankas se vi dediĉos iom da atento al nia Bulteno. Eblas ankaŭ ricevi kelkajn antaŭajn numerojn. La interesitoj skribu al ni por tio.

Manke de reago ni kalkulos tion kiel bonan akcepton. Kompreneble, se vi deziros ne plu ricevi ĝin, simpla respondo al tiu-ĉi mesaĝo sufiĉos, ankaŭ malplena, por ke ni tuj forlasu.

Informoj estas atingeblaj perrete: www.dlfbo.it/esperanto www.ifef.net - www.esperanto.it

La plej varmajn salutojn, bondezirojn por sano kaj paco kaj por plena sukceso en la poresperanta agado.

Por la IFIB-Redakcio

*Romano Bolognesi kaj Vito Tornillo.*

[***Noto de la retlist-administranto:***

*Se vi deziras ricevi la menciitan bultenon (pdf ĉ. 430 ko), bv. peti ĝin de Romano B. aŭ Vito T. aŭ de mi laurent.vignaud@wanadoo.fr.*
*La koncernan dosieron mi ankaŭ enretigos ĝis kelkaj tagoj en www.ifef.net*]

# La morsa signalado ankoraŭ vivas.

Tri punktoj, tri strekoj, tri punktoj - aŭ S.O.S. Tiel sonas la plej konata petego pri helpo, kiu en angla signifas «Save our souls» (esperante ***Savu niajn animojn***). Ĝi estas samtempe ankaŭ la plej konata informo elsendata helpe de la morsa alfabeto.

Jam de 6 jaroj kiam per la lasta simbola elsendo de tiu ĉi savpeta signalo oficiale finiĝis uzado de la morsa alfabeto en la telegrafa komunikado. La kodon prezentatan per variaj kombinoj de la punktoj kaj strekoj anstataŭis moderna komunikada sistemo bazita sur satelita kaj radia elsendoj. Malgraŭ ke, signifo de la morsaj literoj, iom-post-iom malkreskas, ĝi estas uzataj de la radioamatoroj, eĉ se nur kiel pliinteresigo de ilia hobio. Sian vastan uzon ĝi trovas ankaŭ kiel ĉifra metodo dum trupaj ekskursoj kaj en la tendaroj.

Sistemo de la kurtaj kaj longaj punktoj kaj strekoj pli frue havis rimarkindan signifon precipe en ŝipnavigado, diplomatio, telegrafio kaj armeo. Per morsa alfabeto oni ekzemple anoncis interpacon en la ambaŭ mondmilitoj de la 20-a jarcento. Karakterizaj sonoj estis aŭdataj ankaŭ dum detruigo de la legenda ŝipego Titanic. La morsa alfabeto fariĝis universala interkompreniga lingvo kaj restis tia ĝis fino de la lasta jarcento.

Literojn de la morsa alfabeto elpensis la amerika pentristo kaj fizikisto Samuel Morse, kiu en la jaro 1844 elprovis la unuan telegrafan kunligon inter Vasingtono kaj Baltimore. Morse tiam sendis la memorindan frazon: "***What hath God wrought?***" - (*Kion Dio faris?).* El Ameriko la morsa alfabeto disvastiĝis al Eŭropo. Ekde la jaro 1849 oni uzas ĝin ankaŭ en Aŭstrujo-Hungarujo, kie Morse ricevis de la imperiestro Francisko Jozefo la 1-a oran imperiestran medalon.

Sistemo de la morsa alfabeto ne estas komplika. Lerni ĝin povas ĉiu lernanto de la bazlernejo. Ĉiuj literoj estas prezentataj per variaj kombinoj de nur du signoj, punkto kaj streko, de longa kaj kurta ekbrilo k.t.p., maksimume per kvar signoj. Signali en morsa alfabeto eblas per lumilo, sonilo, flagoj, telegrafo aŭ radio. Por pli facila memorigo en multaj lingvoj servas helpvorto, kiu per nombro kaj longo de siaj silaboj kaj vokaloj karakterizas la literon.

Morsan alfabeton oni ne bezonas elsendi nur helpe de telegrafo, uzebla estas lumbaterio, speguleto, fajfilo, movoj de brakoj aŭ flagetoj. Punktojn kaj strekojn oni povas en ĉifrado reciproke interŝanĝi aŭ demonstri kiel strekoj rememorigantaj diverse profundajn entranĉojn de segilo, kiel nodetoj aŭ orienta skribaĵo. Dum lud-ado oni, elsendante kaj akceptante morsan tekston, uzas ankaŭ simbolojn de tipo « mi ne komprenas, eraro, ripetu, malpli rapide" sed ĉi tiuj ne apartenas al la internacia morsa alfabeto.

Praktika signifo de la morsa en nia nuna epoko de la satelitoj, komputiloj kaj porttelefonoj estas malaperema kaj lerni alfabeton de la punktoj kaj strekoj aspektas kiel donĥiotaĵo. La tipa iam eĉ malbonsigna sono de la tonoj tamen ankaŭ sur sojlo de nia 21-a jarcento konservas sian ĉarmon kaj restas resono de la pasintaj jardekoj.

*Esperantigis Jindřich Tomíšek*

## Renkontiĝo ĉe la esperanta fervojista asocio. Lingvo sen landlimo.



*Pascale Pisani*

Je la momento, kiam deko da novaj lingvoj enigas la babelan eŭropon, ĉu la disvolviĝo de Esperanto ne povus esti garantianto de la respekto de la lingva egaleco ene de la Eŭropa Unio kaj alternativo al la senindulga dominado de la angla lingvo? La francaj fervojistoj, ĉefa parto de la esperanta movado, aktivas por la savo de tiu internacia lingvo, kiu, ek de pli ol unujarcento, malfacile disvolviĝas.

Kun sia granda maliceta rideto, Stano Marĉek salutas siajn lernantojn ĉiumatene laŭ la afabla formulo *«Bonan matenon. Ĉu vi bone sanas? »*. Stano Marĉek estas Slovako kaj profesie liveranto de porhospitalaj higienaj produktaĵoj. Sed tiusemajne, en Dobřichovice, en la granda ĉirkaŭaĵo de Prago, kie tiu komercisto, senpacience atendas eniron en la eŭropan komunumon, instruas fervojistaron venintan el diversaj partoj de Francio. Sed ĉi tie oni ne lernas la slovakan nek komercon. Oni studas Esperanton, duan lingvon lernatan de Stano dum sia unuagrada lernado.

Sub la gvido de Jean Ripoche, prezidanto de la franca fervojista esperanto-asocio, deko da fervojistoj vojaĝis al Prago por ĉeesti staĝon cele al pli bone majstri la esperantan lingvon. Tiu staĝo okazis kun Ĉeĥoj por testi la efikon de la internacia lingvo kreita en 1887 de la doktoro Lazaro Ludviko Zamenhof. Por ĉiuj, io estas klara; lerni fremdan lingvon estas malfacile, ili jam provis tion dum siaj lernojaroj kaj pri tio konservis malbonajn memoraĵojn. «Kiam mi vizitis Britio, mi ne kapablis deĉifri anoncpanelon sen prononco-eraro deklaris Jean Ripoche. Poste, mi forlasis la lernadon de la angla lingvo.» Sed la deziro malkovri la landojn diabligitajn aŭ encensigitajn laŭ la plaĉoj de la interparolantoj restis viva. Li decidis en 1982 lerni E.. En la fervoja esperantista reto, Jean kaj lia edzino estis akceptitaj de kolegoj hungaraj, ĉeĥoslovakaj... «Mi vojaĝis en lokomotivo-kondukejoj, mi vizitis kolkozojn. Dank'al Esperanto mi interparolis kun personoj tiamaniere ke mi ne povus fari same pere de alia fremda lingvo » aldonis Jean. Fervojistoj, kuracistoj, anarkiistoj, ekologiistoj. biciklistoj sin organizas laŭkategorie. En Dobřichovice Jacques Couzy, trakfortisto en la franca stacio « Saverne», renkontiĝis kun du biciklanto-ŝatantoj. Per esperanta parolado, faciligita de Bechrovka* glaspleno, nur dusemajna lernado sufiĉis al Jacques por trovi la taŭgajn vortojn por alparoli la Ĉeĥojn kaj interŝanĝi adresojn. Esperanto, artefarita lingvo, tamen estas vivanta lingvo. La fervojistoj konstante laboras por evoluo de la vortprovizo en la fervoja terminaro kaj ĉiujare, proksimume 250 vortoj estas kreitaj de la Internacia Fervojista EsperantoFervojisto, IFEF laŭ evoluo de la fervoja tekniko. Ĉiu korporacio same agadas. Do, kial internacia lingvo, ne iĝus eŭropa lingvo? La raporto prezentita de la deputito Michel Herbillon pri la lingva diverseco en la Eùropa Unio ne permesas al ni multe esperi pri la respekto de la lingva egaleco inter la 21 eŭropaj lingvoj. La uzo de 420 lingvaj kombinaĵoj malfermus veran vojon Ekde nun la scipovo de la angla lingvo lernata kiel patrina lingvo estas postulata por provizi multajn laborpostenojn spite al la eùropa komunuma regularo. Tamen en la raporto de Michel Herbillon, preskaŭ oni ne aludis pri la uzado de Esperanto kiel solvo; ostracismo, kiun la esperantistoj atribuas al anglo-lingvaj premgrupoj por la servo de ekonomiaj profitoj. «En iu traktado komentarias sinjoro Marĉek, tiu kiu akiros la kontrakton estos tiu, kiu povas pli bone argumenti pri la kvalito de sia produktaĵo». En iu konkurso, kies regularo estas en la angla, la ludkartoj estas falsaranĝitaj.

*Bechrovka* ĉeĥa alkoholaĵo*

Artikolo elĉerpita el la revuo «Viva» n° 189

*Aŭtoro Pascale Pisani*

**NEKROLOGO *WILLEM LAMBERTUS* *van* *LEEUWEN* ~WIM~**
**26-02-1918 - 01-07-2004.**



Post kelkaj semajnoj de ilia festo okaze de la 60-jara edzeco de Wim kaj Metje mi ricevis la teruran komunikon, ke Wim van Leeuwen ne atendite forpasis.

Mi ne nur konis lin kiel mian estron dum mia fervojista vivo. Mi pli bone ekkonis lin kiel esperantisto.

Mi menciu kelkajn el la meritoj de Wim van Leeuwen. Seninterrompe li propagandis por Esperanto. Ekde la fondigo de Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda en 1946 li ĉiam estis tre aktiva membro. Dum multaj jaroj li estis sekretario de FERN kaj redaktoro de nia gazeto FERVOJISTO. Li laboris kiel LKK-ano por la IFEF-kongresoj en Nederlando en 1953, 1966 kaj en 1980. Kvankam li ne estis LKK-ano por la IFEF-kongreso en Hago en 1996 li estis ege valora por ni. Mi dubas, ĉu la kongreso estus sukcesplena sen la helpo de Wim. Li tradukis multe da artikoloj, korektis fakajn artikolojn kaj la fakprelegon kaj donis al ni multe da konsiloj.

Li multe laboris por la Nederlanda Terminara Komisiono, li prizorgis skriban kurson de 1952 gis 1968.

Ankaŭ por IFEF li multege laboris. Li estis vic-prezidanto de 1972 ĝis 1980.

Li estis honorigita per la ora medalo de FISAIC en 1979.

Li estis nomumita Honora Membro de IFEF en 1980 kaj li ricevis en 1980 la ora medalo de BSSO, la nederlanda sekcio de FISAIC.

Bedaŭrinde tio devas esti mallonga resumo de liaj meritoj.

Esperanto perdis fidelan kaj valoran kunlaboranton. Ne eblos por mi forgesi lin.

Mi deziras eternan pacon al nia amiko kaj prezentas miajn sincerajn kondolencojn al la edzino Metje van Leeuwen.

*La prezidinto de FERN.*
*Jan Bultman.*

***IFEF ankaŭ kondolencas al la Edzino kaj familio***

## *Forpaso de la patrino de nia IFEF-prezidanto.*

*Kun malĝojo, ni eksciis pri la subita morto de s-ino Emma Cuppini (elp. Kupini) la patrino de d-ro Romano Bolognesi IFEF-Prezidanto. Ŝi naskiĝis la 7-an de novembro 1906 kaj mortis la 20-an de julio 2004.*

*Nome de I.F.E.F. ni sincere partoprenas en la doloro de la familio kaj prezentas niajn kondolencojn.*

# Nova Esperanto-Bulgara Teknika Vortaro




Kvarmembra kolektivo de la bulgaraj fervojistaj fakuloj Enju Enev, Tonĉo Valev, Veselka Kanburova kaj Penka Dilova eldonis la novan fakan "Esperanto-Bulgara Teknika Vortaro"-n.

La unua eldono eldonita fine de 2003 en Sofio enhavas 200 paĝojn kun pli ol sep mil fakaj, plejparte fervojtemaj terminoj. Post plenumo de la antaŭmendoj restas liberaj ĉirkaŭ kvarcent ekzempleroj de la libro.

Interesuloj pri aĉeto de tiu ĉi faka verko povas mendi ĝin kontraŭ 10 eŭroj - inkluzive de sendokostoj - je adreso:

***Bulgara Fervojista Sekcio de BEA,***
***Ĝenerala Direkcio "BDŽ" EAD,***
***inĝ. Veselka Kamburova,***
***strato "Ivan Vazov" 3,***
***BG-1080 Sofio, Bulgarie***

*Jindřich Tomíšek, Ĉkn de IFEF*

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*



**INTERNACIA FERVOJISTO**
56-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de
**Internacia fervojista Esperanto-Federacio**
**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso:
co16919@iperbole.bologna.it
**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso: kozsu13@freemail.hu
**Redaktoro:** Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
Retadreso:
Jeanripoche@wanadoo.fr
**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
Retadreso: marica.brletic@hznet.hr
**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
Retadreso:
Laurent.Vignaud@wanadoo.fr
**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo : PSSTFRPPNTE
**UEA-konto:** iffk-o
**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.
**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario
**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2004.043
**Faka komisiono**
GV: Jan Nieman:
esperanto@mail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
IFEF.B90Gr-mei@-online.de